# Ateismo

Bulteno de Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo

http://ateisto.org



Akvofaloj de Iguazu en Misiones (Argentino)

Nº 20 Majo de 2015

## Vorto de la redaktoro

La teruraj okazaĵoj en Francujo kaj en Danujo komence de la jaro estas ne nur abomenindaj krimoj (laŭ la nombro de viktimoj, ili bedaŭrinde ne estas unuarangaj en la mondo) ; ili estas atencoj kontraŭ la kulturo, la libereco pensi kaj esprimi opinion ; ili estas atencoj kontraŭ la libereco kredi aŭ ne kredi, praktiki religion aŭ ne. Ĉu tio iel rilatas al religia problemo ? Ĉu eĉ al specifa religio ? La diverseco de la viktimoj (ateistoj, islamanoj, judoj, kristanoj) pruvas ke la respondo ne estas evidenta. Sama diverseco inter tiuj kiuj foriras al Sirio por "militi" : en Francio 40 % el ili originas de kristanaj aŭ senreligiaj familioj. Male, estas evidenta la pli kaj pli granda interveno de religiaj konsideroj en la politikaj decidoj kaj strategioj de multaj registaroj en la mondo.

Iom timigis min la perspektivo ke mi devos strukturi ĉi tiun antaŭparolon ĉirkaŭ tiuj eventoj, ĝis mi ricevis la kontribuon de Josianne kiu prave menciis la kronikistinon Sophia Aram, kies kronikon mi estis ĵuse tradukinta. Do vi trovos la tuton en la postaj paĝoj.

Nu, longige de ĉio ĉi, ni neeviteble retrovas problemon kiu koncernas ankaŭ nian bultenon (la temon ni jam pritraktis pri la ilustraĵoj de la infanlibro *"Kie ni povas trovi Dion ? demandis la eta porkido")*. Mi citas ĝin laŭ maniero eble tipe franca, do jene : "Ĉu povas ekzisti delikto de blasfemo ?" alidirite "Ĝis kiu grado ni povas iri en la kritiko, la ironio, la moko, ... ĝis kie por kontraŭi, eĉ ofendi la religiojn, atentante ne ofendi la homojn, kredantojn aŭ ne ?" Ŝajnas al mi ke la respondo troviĝas en la demando. Mi alvokas niajn membrojn al esprimo de propra opinio pri tiu ĉi temo. Esperinde mi povos publikigi faskon da reagoj viaj en la venonta numero.

Pri la sama temo, kontribuis ankaŭ Winfried Schumacher kaj Nikolao Gudskov (poem-traduke).

Cetere, tiu nova numero de nia bulteno entenas plurajn disajn temojn kaj vidpunktojn, kiujn vi malkovros laŭpaĝe, kaj eĉ denovan reagon pri la *Porkido*.

Same interesaj estas la pripensoj de homoj kiuj ne ĝis nun, aŭ ne firme, deklaras sin ateistoj, sed ĉe kiuj nia agado vekas atenton (paĝon 8[an]).

Sekve estas publikigitaj kelkaj el viaj reagoj kaj opinioj koncerne la projekton ŝanĝi la ŝildon de ATEO. Mi sugestas ke elekto de definitiva ŝildo fariĝu vere definitiva en 2015. Ni ne tro atendu plu. Ĉu momente majoritata opinio ekaperas ?

Bernard Behra prezentas (franclingvan) libron « *Feliĉa sen Dio kaj religio* ». Nu jam la titolo estas tradukita. Ĉu eventuale en venonta numero, ni havos la plezuron prezenti ĝin en Esperanto !?

Fine de ĉi tiu bulteno, ni invitas vin al niaj tradiciaj Movada Foiro kaj debata kunveno okaze de la UK en Lille. La ĉi-jara temo estos « Ateismo kaj la rajto je libera esprimiĝo ». Antaŭ-pripensu.

Dankon al la kontribuintoj, kaj bonan legadon.

*Christian Rivière (Francujo)*

# Unuaj impresoj
# post la dramo de Charlie

Farendas sed malfacilas rememorigi la okazaĵojn kiuj sekvis la teruran atakon de Charlie. Dum la multnombraj manifestacioj ĉu spontanaj ĉu planitaj de politikuloj oni povis legi sur diversaj ŝildoj : « Mi estas civitano. Mi estas judo. Mi estas islamano. Mi estas Charlie ».

Se vi sincere estus Charlie kies slogano laŭ Charb *(Stéphane Charbonnier, desegnisto, direktoro de la ĵurnalo, kaj viktimo)* klare postulis « Kontraŭ ĉiuj religioj, pafu laŭvole », vi devus laŭte proklami vian ateismon. Tamen, nenie videblis « Mi estas liberpensulo ». Mi estas ateisto ... bedaŭrinde neniam !

Laŭ diversaj televidaj elsendoj partoprenis judoj, katolikoj, islamanoj, sed tre maloftaj nekredantoj ... Oportune iuvespere, amiko de Charlie aŭdace asertis ke la radiko de la aktuala krizo situas en la religioj. Sed li ne kapablis longtempe klarigi sian penson, rapide oni interrompis lin ĉar « momente ne estas la problemo » !

Tamen, en tiu religia hipokrita etoso, multe plezurigis min la voĉo de Sophia Aram lerte resumante la situacion : « Sciante ke la homaro bezonis ĉirkaŭ kvar jarmilojn por pasi de politeismo al monoteismo, mi volonte diras : ankoraŭ etan klopodon kaj finfine oni certe atingos nuloteismon ».

Fine de tiu tragika semajno, alia bona surprizo ! Antaŭ iu matĉo, ni vere aprezis aŭdi, anstataŭ *la Marseillaise* (himno de Francujo), la rimarkeblan kanzonon de John Lennon : « *Imagine* »

*Imagu ke estas neniu lando*
*Tion fari ne malfacilas*
*Nenial mortigi aŭ morti*
*Same neniu religio*
*Imagu ĉiujn homojn*
*Vivantajn en paco*

Post la doloro, post la kolero, venis la demandoj : Kial ? Kial junuloj en nia lando mortigis judojn, islamanojn, kristanojn, ateistojn ? Kiuj estas la responsantoj ? Rapidege ŝpruĉis la jena respondo : « la Nacia Edukado, la Lernejo kulpas pri la religia fanatikeco ĉar ties profesoroj kaj instruistoj ne kapablis taŭge ekspliki la laikecon al siaj lernantoj ». Kompreneble, oni forgesis precizigi pri kia lernejo temas. Ĉu la katolika ? Ĉu la juda ? Ĉu la islamana ? Aldoninde ke la nurnura lernejo kie la gejunuloj kunkune vivas (eĉ se kelkfoje malfacile...) nomiĝas la laika lernejo ...

Dum la laikeco aperas kapabla solvi la gravajn nunajn problemojn, ankaŭ aperas la kutimaj hipokrituloj kiuj klopodas siamaniere difini la laikecon kiel « laikecon ... jes ... sed ». Malfeliĉe, la laikeco-jes-seduloj iom-post-iom pli nombriĝas.

Post Charlie ni esperu ke baldaŭ estos efektive aplikata la laikeco. Fina punkto.

*El : L'Emancipation 06 / 02 / 2015*
*Charlie-Hebdo 14 / 01 / 2015*
*komunikis Josianne Ferrand, Francujo*

## La blasfemo estas sankta

(Kroniko de Sophia Aram)

Ni ne rezignu nian plezuron. Vidi ateistojn, kristanojn, islamanojn, judojn kaj aliajn manifestacii sur la stratoj por dolor-kompati fronte al la hororo, kaj elmontri sian fidelecon al la libereco de esprimo kaj al la laikeco, mi ne scias pri vi, sed al mi tio donis fidon. Nu mi ŝercas ! Dum oni scias ke la homaro bezonis kvar jarmilojn por iri de la plurdiismo al la unudiismo, mi emas diri ke necesas nur malgranda plia klopodo, kaj ni fine atingos la nuldiismon. Sed atendante tiun benitan tagon, ni faru ĉion eblan por kune vivi, kaj por tio mi konjektas ke necesos ĉies kunkontribuo. Do al ĉiuj kiuj ĉiuokaze almontras karikaturistojn, verkistojn, humuristojn kiel islamofobojn, katolik-fobojn aŭ antisemitojn, mi ŝatus diri ke ni definitive interkonsentu : la delikto de blasfemo ne ekzistas, la delikto de blasfemo ne povas ekzisti en nia respubliko. Mi scias ke tio incitas iujn, ke tio nervozigas aliajn, sed honeste, por ke ni kunvivu, estos necese ke vi tion akceptu. Sed se tio estas vere tro malfacila, se du aŭ tri ŝercoj pri la poligamio de la profeto, pri la artefarita fekundigo de la virgulino, aŭ pri la neprobabla reveno de la mesio ĝenas vin, se la fakto ke informi vin ke anĝeloj neofte pruvas siajn ekzistojn, ke ne estas facile piediri tra la Ruĝa Maro, ke ne estas pli da kalsonete vestitaj virgulinoj atendantaj la ĝihadistojn en paradizo ol da dolĉaĵoj en la korbo de la jula patro, faru kiel Jesuo, ne senkuraĝiĝu, spiru plenpulme kaj malnervoziĝu plu, ekzemple mallongigante vian prepucion, aŭ ebriiĝante per mes-vino, ĉar plian fojon, la delikto de blasfemo tute simple ne ekzistas. Kaj se tiu krizo ne malkreskas, se tio daŭros plu, antaŭ ol eligi viajn kalaŝnikovojn, bruligi niajn kinejojn per kandeloj, pensu pri la streboj kiujn faras la ateistoj de jarcentoj por ne ekzorci vin per fosilioj de dinosaŭroj kiam iuj el vi pretendas ke Dio kreis la mondon en ses tagoj antaŭ 6500 jaroj, ĉar foje ankaŭ nin tio incitas, ankaŭ ni povus opinii ke la Genezo estas insulto al nia racio. Ĉu ni provas vin klerigi per peticioj, procesoj, kalaŝnikovoj aŭ per religiaj jur-dekretoj ? Kompreneble ne. Nu jen do, ni definitive akceptis ke via rajto preĝi estas plena. Ne danku nin, eĉ ni ateistoj kapablas esti bonkoraj. Nu, eĉ je risko ripeti, ni konsentu, ke vi rajtas fantazii rondire, kvarpiede aŭ la kun brakoj levitaj al la ĉielo. Sed ni, kiel ateistoj, rajtas memorigi al vi ke vi fantazias, ĉar via libereco preĝi respondas



al nia libereco pensi. Kaj se denove tedas vin ke ni mokas vin, prenu krajonon kaj paperfolion, kaj vi moku nin reciproke. Ni promesas, ke ni ne ofendiĝos.
https://www.youtube.com/watch?v=ixvmEEAU6zA

*Sophia Aram*
*La blasfemo estas sankta*
*la 12an de januaro 2015a ĉe France Inter*
*(radio-stacio de la publika servo)*
*tradukis Christian Rivière*

***Sophia Aram**, naskiĝis en 1973 en Pariza regiono, en islama familio el Maroko. Ŝi publike deklaras sin ateisto. Profesie, ŝi regule estas prezentisto de televidaj kaj kronikisto ĉe radio-staciaj elsendaĵoj, humuristo kaj aktoro. En sia lasta spektaklo titolita "Fido-krizo", prezentita de 2010 kun granda sukceso, ŝi humure pritraktas la tri unudiajn religiojn kiuj plagas en Francujo, foje imitante kaj eĉ mokante kelkajn el siaj supozataj proksimuloj kaj familianoj.*

## Ĉu religio estas ofendebla ?

„Kion rajtas satiro ? – Ĉion !" Tiu eldiro de la germana verkisto kaj ĵurnalisto Kurt Tucholsky (1890-1935) lastatempe estis citata en multaj germanaj amasmedioj, ĉefe pro la masakro en la redakciejo de „*Charlie Hebdo*", Parizo. Ofte do oni disputas, ĉu Tucholsky plene pravis dirante tion.

Komentoj nun multas ; mi citas tie ĉi konstaton, kiun mi trovis en la germana gazeto „*die tageszeitung*" (2015, januaron 17/18) :

„Ofte estas asertate, ke pri ĉio oni rajtas moki, sed tio ne ĝustas. Ecoj kaj agmanieroj, kiujn homo ne libervole havigas al si, ekzemple haŭtkoloro, seksa orientiĝo, longeco de peniso, ne estas taŭga materialo por mokado. Sed male, libere elektitaj konvinkoj kaj kondutoj : batu laŭplaĉe ! Simile statas aferoj pri publikeco, apliko de potenco kaj agresemo : ju pli oni trovas da tio, des pli oni ŝercu pri tio !"

Laŭ tiu simpla regulo oni do ja rajtas moki pri ies religio, ĉar ĝi estas libere elektita sinteno. Sed oni riskas, ke religianoj koleriĝas, se oni mokas pri iliaj sanktuloj aŭ sanktaĵoj – kaj tiu kolero povas fariĝi mortiga, kiel oni vidis. Kredantoj en tia okazo kutime plendas, ke ilia religio estas ofendita. En la juraj sistemoj de ne malmultaj landoj „ofendo al la religio" aŭ „ofendo al Dio" eĉ estas tribunale persekutataj krimoj.

Sed ĉu tio estas akceptebla ? Laŭ PV „ofendi (1)" signifas : „Kolerigi aŭ ĉagrenigi iun malrespektante ties dignon". Ŝajnas, ke nur natura persono, do aktuale vivanta homo, povas esti objekto de ofendado. Do, religio laŭ tio ne povas esti ofendata, ĉar ĝi povas nek koleri nek ĉagreni, kaj eĉ se dio fakte estus ofendebla, oni neniel povus jure pruvi, ke ia ofendo okazis, ĉar mankas ĉiuj indikoj. Sed tamen multaj kredantoj (ne nur islamanoj !) okaze de iuj karikaturoj en „*Charlie Hebdo*" kolere kriis, ke ilia religio estas ofendita kaj ke tion ili ne povas toleri. Evidente ili mem sentis sin individue atakitaj, ĉar ilia religia konvinko estas esenca parto de tio, kion ili konsideras sia „digno". Ja ilia religio iel estas – en la senco de la ĉi-supra citaĵo – „libere elektita", sed tamen ĝi ne tiel facile estas apartigebla de la kompleksa identeco de iu homo. Ĝi estas jam esenca parto de ties personeco, kaj moko pri

neracieco de iu „profunda kredo“ do facile povas ĉagrenigi kaj kolerigi, ĝuste pro tio, ke ne ekzistas raciaj argumentoj por defendi tiun „kredon“.

Tamen mi ne pledas por leĝoj, kiuj malpermesus „ofendon de religioj“, ĉar religiaj doktrinoj enhavas pli-malpli ĉiam tiel strangajn erojn, ke ili kvazaŭ aŭtomate provokas mokon de spritulоj. Sed ke oni ne intence lezu alian homon tute sen neceso, tio estas postulo de ordinara civila etiko. Se temas pri karikaturoj publicataj en periodaĵoj : neniu kredanto estas devigata rigardi tiajn gazetojn. Se rigardo estas neevitebla, eble do ankaŭ iu ĉagreno aŭ kolero estas neevitebla, sed tio kompreneble neniel rajtigas kredantojn al iu perforta ago, des malpli al murdado. Provoj de „pravigo“ kiel „Oni devas venĝi la sendignigon de Islamo !“ (aŭ „...de la profeto !“ aŭ „...de Alaho !“) estas komplete senbazaj kaj tute frenezaj. Se religio vere havas iun „dignon“, ĝi certe ne povas esti difektata per iuj mokoj !

*Winfried Schumacher, Germanujo*




## Kiuj ili estis en vivo

Kiuj en vivo estis –
tiuj majestaj Venera-j
Fieraj sen lim’ Afrodita-j –
kiuj estis en viv’ ?
Super la urba pordego
sendormis lanternoj sferaj.
La sonoriloj zumis
kun obstina aktiv’.

Modeloj venis al etaj
nehejtitaj kameroj.
Modeloj venis –
ĝenemaj kaj plenaj je naivec’.
Kaj tuj fariĝis vestaĵoj
nenies malvarma afero.
Kaj la ĉambret' plivarmiĝis
pro l' aperanta nudec'.

La sonoriloj zumis :
“Ĉion la tempo putrigas !”
Postulis : “Ne sakrilegiu !
Rapidu pri la abdik’!”
Sed la armeon da farboj
artisto ofensivigas !
Kaj sur la tolon
tambure frapas per la penik’.

Frap’!
Monaĥeto grasa
fariĝas tuj tute pala.
Frap’!
Ekpanikas ĉiuj
apud sakrala altar’.
Tremas la katedralo …
Frap’!
Kaj ĝi estas fatala
por la sinjoro dio
kaj lia sanktparencar’…

La sonoriloj zumis.
Frosta kraketo sonis.
Tremis gardisto sur turo,
alta kiel la mont'.
Kaj la artist' ridegis !
Kaj vangofrapojn disdonis
al la bigotoj najbaraj,
kaj ĉiuj – en la estont' !

Meze de la malvarmo
Floris la farboj puraj.
Vento fenestron provis
penetri kun la impet'.
Sur la malhela tolo
Varme lumis femuroj.
Mole elstaris mamoj.
Okuloj kun la ridet'.

Kaj disŝiriĝis la muroj.
Kaj malaperis skemoj.
Kaj Afrodita majesta
naĝis en mara ĉarm'.
Sed al modeloj malvarmis.
Modeloj tremetis kun ĝemoj.
Modeloj ja estis vivaj.
Kaj tre sopiris pri varm'.

Ili sin vestis lante,
manikojn ne tuj trafante.
Forlasis la metiejon
sub frosta ventmelodi'.
Kaj longe preĝis en templo,
treege la dion timante ...
Sed jam ili estis senmortaj.
Sen ajna helpo de di'.

*Robert Roĵdestvenskij*
*Al S. Krasauskas (1965)*

*Esperantigis Nikolao Gudskov (Rusujo) en 2014*

## Religio kaj moralo

Oni povus pensi ke ambaŭ iras kune. Bedaŭrinde, tute ne estas tiel. Se religio ordonas al mi tranĉi la gorĝon kaj senkapigi islamanan junulon, nur ĉar li elektis Kriston, mi devas tranĉi al li la gorĝon kaj senkapigi lin.

Se religio ordonas al mi alĵeti vitriolon al la vizaĝo de knabino, nur pro tio ke ŝi deziras frekventi lernejon, mi devas alĵeti al ŝi vitriolon kaj difekti al ŝi la vizaĝon por la tuta vivo.

Se religio lasus uncon da konsiderema menso kaj de moraleco, ĉu tio eblus ? Religio kaj moralo estas du fundamente malsimilaj realoj :

En moralo estas analizo de la situacio, pripenso kaj elekto.

En religio estas blinda kaj absoluta obeo al tio kio aperas en teksto verkita antaŭ pli ol 1300 jaroj, oni ne tro scias de kiu.

Oni komprenas la malamon de la fanatikuloj por la pripenso, la inteligento kaj la kulturo, kaj kial ili ne hezitas alĵeti vitriolon al la vizaĝo de knabinoj kiuj deziras frekventi lernejon, kaj difekti al ili la vizaĝon por la tuta vivo.

Oni ne plu rilatas kun homoj, sed kun robotoj senigitaj de pensoj kaj sentoj.

Certe tia estis Inkvizicio, kiu daŭris tri jarcentojn kaj mortigis pli ol 30 000 homojn torturitajn kaj bruligitajn vivantajn, sed tio, tamen, estas finita.

Ĉu, tri jarcentojn poste, komenciĝas nova

Inkvizicio, islama, ĉi-foje kaj ne plu servata de kelkaj centoj da inkviziciistoj, sed de kiom da kredantoj, devenintaj el milionoj da islamanoj el ĉiuj partoj de la mondo, inkluzive de adoleskantoj, fieraj imiti la adoltojn kaj fortigitaj en sia violento per la sankta teksto : « Necesas mortigi la neislamanojn » (Korano- Surato 9) Ĉu civilizacio kapablos pluvivi ? Oni povas dubi.

*Jean Marin, Francujo*

## Jesuo estas simpla homo

Jesuo estis simpla homo, kiu naskiĝis kaj poste mortis simple kiel aliaj homoj. Neniu dieco estu ligita al li. Eĉ en siaj instruoj li tute ne rekonas Dion. Li estis vera ateisto. Tial li diris al la homoj, ke ili preĝu en lia nomo.

Pri Dio mem ni ne tro zorgu, ĉar li ne jam naskiĝis. Kristanoj uzas la elpensaĵojn de Paŭlo nur por ekspluati kompatindajn kaj naivajn homojn. Neniu vidos la paradizon, ĉar ĝi fizike ne ekzistas.

*Gbeglo Koffi, Togolando*

## Ĉu ateisto, ĉu sendiisto ?

Samideano el Francio atentigis min (denove) pri ATEO. Li kaj mi diskutas rete pri Epikurismo kaj aliaj instruoj.

Ekde iom da tempo mi okupiĝas pri Taoismo aŭ Daoismo, la instruo de Laozio aŭ Laocio. Mi ne kredas je dio aŭ Dio kiel je kreinto aŭ persono. Sed ŝajnas al mi ke estas forto aŭ energio en la mondo (en Daoismo : la Dao = Vojo). Sed mi ne scias la fonton de tiu ĉi energio. Eble el nia psiko. Mi ne scias.

Kompreneble mi vizitis la retejon de ATEO kaj elŝutis kelkajn. La revuo estas ege interesa. Sed mi ne trovis "respondon" pri la demando ĉu eblas samtempe esti ano de ATEO kaj ano ekzemple de Epikurismo aŭ de Daoismo.

Alia "problemo" estas ke mi sentas min serĉanto. Ĝis nun mi ne trovis propran vidpunkton pri la mondo. Almenaŭ ne finfinan vidpunkton. Ĉu fariĝi ateisto signifas ne plu okupiĝi pri aliaj filozofioj ? Alivorte : ĉesigi pensadon ?

Mi ankaŭ ne kredas je supernaturaj fortoj. Kaj mi ne kredas je eterna vivo laŭ kristanismo. Post mia morto mi estos tie kie mi estis antaŭ mia naskiĝo. Sed mi ne plu kapablas memorigi kie tio estis ... :-). Sed religioj interesas min kiel kulturaj kaj sociaj fenomenoj.

Mi taksas la tekstojn de ATEO kiel sufiĉe altnivelaj. Sed mi malŝatas la karikaturojn, ĉar laŭ mi ne decas sin amuzi pri la kredo de aliaj homoj. Tiu ne akordas kun la digno de tiuj homoj. Do temas pri la digno de la homoj, ne pri la sankteco de iu religio.

Intertempe mi korespondis kun du amikoj. Unu partoprenis la kunvenon de ATEO ĉe UK en Islando. La alia partoprenis la kunvenon de ATEO ĉe la Germana Esperanto-Kongreso en Erfurt. Ili raportis pri siaj propraj impresoj.

Ŝajne ne necesas aparta mal-kredkonfeso. Sufiĉas ne kredi supernaturajn fortojn.

Kompreneble vi povos aperigi miajn konsiderojn en la revuo de ATEO. Eble aliaj homoj ŝatos diskuti pri ili.

*Thomas Heberlein, Germanujo*

## Raportas *Human Rights Watch*

*Sauda Arabio ĵus alprenis tutan serion da leĝoj kiuj difinas la ateismajn personojn kiel teroristojn, raportas la ĵurnalo* [The Independent](#).

Tiuj leĝoj, kolektitaj sub la reĝa dekreto 44, kiu punas la « partoprenantojn al malamikecoj ekster la reĝlando », temas pri terorismo, kaj celas subpremon de ĉiaj formoj de politika nekonformismo kaj manifestacioj supozataj « endanĝerigi publikan ordon ».

Ili estis kreitaj dum pli kaj pli da Saudanoj iras al Sirio por partopreni militon, kaj revenas kun ribelaj ideoj kaj novaj scioj al metodoj de renverso de reĝimo. La antaŭviditaj punoj por tiuj deliktoj estas tri jaroj ĝis dudek jaroj da malliberejo.

La artikolo 1 difinas terorismon tiel : « alvoko al ateisma penso en ĉiaj formoj, aŭ dubo pri la fundamentoj de la islama religio sur kio estas bazita ĉi tiu lando ».

*Human Rights Watch* asertas ke tiuj novaj tekstoj leĝe pravigos kondamnon de sendependaj kaj pacismaj aktivuloj kiuj agadas favore al kaŭzo de homaj rajtoj en Sauda Arabio. « La saudaj aŭtoritatoj neniam toleris kritikon pri ties politikoj, sed tiuj freŝdataj leĝoj kaj reglamentoj transformas ĉian kritikan esprimon aŭ sendependan asocion al terorisma delikto », deklaris *Joe Stork*, kundirektoro de *Human Rights Watch* por Meza Oriento kaj Norda Afriko.

La organizaĵo klarigas ke tia leĝaro nuligas la esperojn aranĝi liberigon de kelkaj aktivuloj kiuj agadis favore al homaj rajtoj, kaj kiuj estas malliberigitaj en saudaj karceroj.

Laŭ la ĵurnalo *Direct Matin*, Aŝraf Fajad, palestina poeto kiu verkis poemojn entenantajn ateismajn ideojn, estis arestita la pasintan 1an de januaro kadre de tiu nova leĝo.

[http://www.express.be/joker/fr/platdujour/en-arabie-saoudite-les-athees-sont-maintenant-consideres-comme-des-terroristes/204119.htm](http://www.express.be/joker/fr/platdujour/en-arabie-saoudite-les-athees-sont-maintenant-consideres-comme-des-terroristes/204119.htm)

*komunikita de Claude Nourmont, Luksemburgio*




Ĉiuj Religioj mortigas la Liberan Penson de pli ol 3000 jaroj kaj en ĉiuj landoj.
Gefratoj amu vin reciproke !?

*komunikis Dominique Simeone, Francujo*

## Krimoj de la eklezio

Ne mankas verkoj pri la nigraj flankoj de la kristana eklezio kaj ties reprezentantoj : pri la nesciencaj naivaj interpretoj de la homa deveno kaj evoluo, pri la stultigaj kaj sklavigaj reguloj por homa konduto, pri la potencavido de ne malmultaj papoj kaj altrangaj ekleziuloj, pri murdoj kaj militoj, pri netoleremo kaj diskriminacio kontraŭ difinitaj homgrupoj (eĉ pri seksaj misuzoj de malfortuloj) ktp.
Ne malofte la eklezio subtenis reakciajn reĝimojn, fariĝis komplico de diversspecaj mondaj potenculoj.

Skribante pri tiaj temoj oni tamen ne rajtas forgesi la abnegacian humanisman laboron de multaj kredantoj kaj ekleziuloj, kiuj klopodis vivi laŭ la dogmoj de sia kredo, aŭ almenaŭ interpreti ilin por la bono de la homo. Ekzemplo por tio i.a. estas la t.n. “teologio de liberigo” en Latina Ameriko.

Sed tiu – ni diru – “hela” flanko de la eklezio ne estas mia temo. Mi ankaŭ ne traktos pri la pravo aŭ malpravo de religiaj kredoj kaj iliaj efikoj. Mi simple nur volas atentigi pri tre kuraĝa germano, kiu sin aparte dediĉis al la *krimoj* de la eklezio : *Karlheinz Deschner* (pron. karlhajnc deŝner)[1]. Li naskiĝis la 23an de majo 1924 en Bamberg kaj antaŭ nelonge forpasis, nur du semajnojn antaŭ sia 90-a naskiĝtago (la 8an de aprilo 2014).

Deschner estis filo de katolika patro kaj religiema patrino. La patrino origine estis protestanta kaj konvertiĝis al katolikismo. Li i.a studis literatur-sciencon, juron, filozofion, historion kaj teologion. Ĉar li edzinigis divorcintan virinon la katolika eklezio ekskomunikis la paron, ĉar laŭ katolika dogmo geedzecon benas Dio kaj homoj ne rajtas dissolvi ĝin… Jen verŝajne unu el la unuaj impulsoj por lia kritika rigardo al la eklezio.

La verkaro de Karlheinz Deschner estas tre ampleksa, entute ĉirkaŭ 50 libroj (inkluzive editoritaj volumoj), inter ili beletro kaj literatur-kritikaj laboroj. Sed lian ĉefan atenton havis la historio de la eklezio. En Germanio li aparte famiĝis pro siaj eklezi-kritikaj analizoj. La unuaj ĉi-temaj libroj (*Was halten Sie vom Christentum* / Kion vi opinias pri la kristanismo, 1957 kaj *Abermals krähte der Hahn* / Denove la virkoko kikerikis, 1962), trovis tiom grandan atenton, ke renoma eldonejo al Deschner proponis verki tutan serion da eklezi-kritikaj libroj. La unua volumo de la serio aperis en 1986 kaj la lasta, la 10-a, en 2013. La kovra titolo de la serio estas *Die Kriminalgeschichte des Christentums* (La kriminalhistorio de la kristanismo). Aperis jenaj volumoj :

**1**: *Die Frühzeit. Von den Ursprüngen im Alten Testament bis zum Tod des hl. Augustinus (430)* (La frua epoko. Pri la originoj de la Malnova Testamento ĝis la morto de Sankta Aŭgusteno [jaro 430 p.K.]).

**2**: *Die Spätantike. Von den katholischen „Kinderkaisern“ bis zur Ausrottung der arianischen Wandalen und Ostgoten unter Justinian I. (527–565)* (La malfrua Antikva Epoko. De la katolikaj „infanaj imperiestroj“ ĝis la ekstermo de la ariaj vandaloj kaj orientaj gotoj sub Justiniano I [527-565]).

[1] Vidu i.a. http://eo.wikipedia.org/wiki/Karlheinz_Deschner , 06.12.2014, (ankaŭ vidu la malsamampleksajn artikolojn en la angla kaj germana eldonoj de Vikipedio).

**3**: *Die Alte Kirche. Fälschung, Verdummung, Ausbeutung, Vernichtung* (La antikva eklezio. Falsadoj, malsaĝigoj, ekspluatoj, likvidoj)

**4**: *Frühmittelalter. Von König Chlodwig I. (um 500) bis zum Tode Karls des Großen (814)* (Frua Mezepoko. De reĝo Klodvigo I [ĉirkaŭ 500] ĝis la morto de Karlo la Granda [814]).

**5**: *9. und 10. Jahrhundert. Von Ludwig dem Frommen (814) bis zum Tode Ottos III. (1002)* (9-a kaj 10-a jarcentoj. De Ludoviko la Pia [814] ĝis la morto de Otto III [1002]).

**6**: *11. und 12. Jahrhundert. Von Kaiser Heinrich II. dem „Heiligen“ (1002) bis zum Ende des Dritten Kreuzzugs (1192)*(11-a kaj 12-a jarcentoj. De imperiestro Henriko II, la „Sankta“[1002], ĝis la fino de la Tria Kruca Militiro) [1192]).

**7**: *13. und 14. Jahrhundert. Von Kaiser Heinrich VI. (1190) zu Kaiser Ludwig IV. dem Bayern (1347)* (13-a kaj 14-a jarcentoj. De imperiestro Henriko VI [1190] ĝis imperiestro Ludoviko IV, la Bavaro [1347]).

**8**: *15. und 16. Jahrhundert. Vom Exil der Päpste in Avignon bis zum Augsburger Religionsfrieden* (15-a kaj 16-a jarcentoj. De la ekzilo de la papoj en Avignon ĝis la religia paco de Aŭgsburgo).

**9**: *Mitte des 16. bis Anfang des 18. Jahrhunderts. Vom Völkermord in der Neuen Welt bis zum Beginn der Aufklärung* (Mezo de la 16-a jarcento ĝis komenco de la 18-a jarcento. De la genocido en la Nova Mondo ĝis komenco de la racionalismo)

**10**: *18. Jahrhundert und Ausblick auf die Folgezeit. Könige von Gottes Gnaden und Niedergang des Papsttums* (18-a jarcento kaj perspektivo al la sekvanta tempo. Reĝoj de dia graco kaj la kadukiĝo de la papeco).

Tiuj dek volumoj sumas ĉ. 6000 paĝojn. Kvankam ili formas la ĉefan verkon de Deschner, li aldone verkis tutan aron da aliaj religi-kritikaj libroj, i.a. kun titoloj kiel „La falsita kredo“, „Eklezio kaj faŝismo”, “La sekshistorio de la kristanismo”, “La monda milito de la religioj”, “Historio de la papoj dum la 20-a jarcento”, “Supre sen. Por sendia ĉielo kaj senpastora mondo”…

Lia lasta (kaj ĵus aktualigita) verko titolas “Die Politik der Päpste” (La politiko de la papoj, 2013), en kiu Deschner priskribas la papecon i.a. de Pius IX (1792-1878, tiu kreis la dogmon de la neeraripovo de la papo), Pius XII (1876-1958, kiu sen kontraŭstare akceptis la likvidon de judoj kaj ortodoksaj serboj per la katolika-faŝisma Ustaŝo en Serbio) kaj la apartan rolon, kiun la pola Johano Paŭlo II (1920–2005) ludis dum la Malvarma Milito.

Deschner kompreneble estis forte kritikata, aparte flanke de teologoj, kiuj riproĉis al li unuflankecon. Tamen, samtempe li ĝuis altan aprezon kaj estis distingita per multaj premioj. En 2004 la germana ateisma „Fondaĵo Giordano Bruno” kreis la „Deschner-Preis“ (Deschner-premio). Kiel unua ĝin ricevis la brito *Richard Dawkins*, nomo verŝajne konata al la legantoj de tiu ĉi revueto.

La aŭstra teologo *Adolf Holl*[2], forte

[2] http://en.wikipedia.org/wiki/Adolf_Holl (ekzistas artikolo ankaŭ en la germana Vikipedio)

impresita de la verkoj de Deschner, i.a. skribis :

„Kiom terura ekscesa kredo povas esti“, eblas legi en la „*Krima historio de la kristanismo*“. Post legado de tiu ĉi verko ekde la unuaj komencoj de la eklezio ĝis la katolika nuntempo la papoj, kardinaloj, episkopoj kaj abatoj, teologoj, monakinoj kaj monakoj, kaj pastroj aperas kiel bando de gangsteroj, kies krimaj manipulaĵoj sin kaŝas malantaŭ nuboj el incenso“.[3]

Iuj verkoj de Deschner aperis en dek du lingvoj. En angla traduko aperis i.a. „God and the Fascists : the Vatican Alliance with Mussolini, Franco, Hitler and Pavelić”, Amherst, NY: Prometheus Book, 2013).

Certe bonvenus artikoloj de diverslandaj esperantistaj ateistoj pri sialandaj kritikantoj de eklezioj.

Interesa temo por nia revueto povus ankaŭ esti la komparo de la rilato inter ŝtato kaj eklezio en diversaj landoj, teorie kaj praktike. La disigo inter ŝtato kaj eklezio, asertata en multaj landaj konstitucioj, ofte nur estas ŝajna aŭ parta. Tio validas ekzemple por Germanio.

*Detlev Blanke, Germanujo*

Citaĵo de George Bernard Shaw :

La fakto, ke kredanto estas pli feliĉa ol skeptikulo, ne estas pli bona argumento ol la fakto, ke ebriulo estas pli feliĉa ol sobrulo.

## Kelkaj pensoj de René Descartes

1- Por ekzameni la veron necesas dubi pri ĉio.
2- Por atingi la veron, necesas forlasi ĉiujn opiniojn kiujn ni ricevis, kaj rekonstrui denove tutan sistemon de konoj.
3- Religio estas kredo je nekredeblo.
4- Fido estas formo de eksperimento kontraŭdirata de racio.
5- La plej bela ago de fido estas kredi je la nekredeblo.
6- Se la homo estas libera, Dio ne estas.
7- Paradizo devas esti mortige enuiga.
8- Dio estas ateisto.
9- Dio estis kreita de la Homo.

## Stephen Hawking kaj Dio

Stephen Hawking estas fama kosmologiisto. Li ne batalas kontraŭ la kredo, ke ekzistas Dio kreinta kaj reganta ĉion, la tutan naturon, la universon, la vivon, la tutan realon. Li proponas alternativan klarigon pri la naturo, fonditan sur ĝia racia, scienca observo kaj analizo. Moderna scienco esploris ne ĉiun detalon de ĉio sed jam sufiĉe ekde la plej malgranda partiklo ĝis la limoj de la kosmo, tra la kvantuma fiziko, la suna sistemo, la galaksioj, la vivo, ĉi ties diverseco kaj evoluo ĝis la homa konscio, por konkludi. Laŭ tiu alternativa klarigo la naturo ne bezonas kreinton, ĉar ĝi ne estis kreita kaj tre efike regas sin mem, kaj la vivo havas la celon kaj valoron, kiujn ĉiu el ni donas al ĝi.

*komunikis Claude Nourmont*

[3] Citaĵo laŭ noto 1).




## Komunikado inter ateistoj

Ĉiu ajn asocio havas sian komunikilon. Komprenebla afero : Unue ĉiu asocio havas sian specifan temaron, pro kaj ĉirkaŭ kiu ĝi formiĝis : ekzemple kolektado de poŝtmarkoj aŭ protekto de bestoj aŭ futbalo. Due ekzistas ĉiam organizaj informoj komunikendaj, ekzemple ŝanĝiĝoj en la estraro, reformo de la regularo, elektoj ktp. Por tiu lasta, pli teknika kampo plene sufiĉus listo de retadresoj, sed por informoj kaj diskutoj pri la centra temaro tamen preferindas periodaĵo, ĉar la asocio ja volas prezenti sin ankaŭ ekster la membraro kiel kundiskutanton ne neglektindan.

ATEO do havas sian bultenon „*Ateismo*“. Por komunikado de „teknikaj“ informoj evidente sufiĉas unu paĝo – al kio do servas la cetero ? Kion ateistoj inter si opinias komunikenda ?

Ŝajnas al mi, ke inter la aŭtoroj de nia bulteno ekzistas sentebla bezono prezenti argumentojn kaj ofte ankaŭ atakojn kontraŭ religioj kaj religiaj komunumoj, plej ofte kontraŭ kristanaj eklezioj. Foje verkinto eĉ skribas, ke li aŭ ŝi persone en sia junaĝo (aŭ eĉ pli poste) suferis pro bigota eduksistemo kaj pro ideologia propagandado. En psiko-higiena senco tio certe estas senŝarĝigo de la animo, se oni havas la eblecon riproĉi al tiel minacaj instancoj kaj prezenti iliajn misagojn en medio de samopiniantoj. Iomete, tamen, tiu sinteno havas terapian „odoron“; laŭ mi oni povas akcepti tion, sed reciproka terapiado ne estu la ĉefa celo de ateisma bulteno. Kompreneble ni kiel ateistoj volas malpravigi neraciajn ideologiojn, sed por tio ja ĉefe taŭgas aliaj medioj kaj aliaj komunikiloj – ĝuste ne interna informilo por ateistoj.

Oni povus kontraŭdiri ĉi tie, ke ja utilas interŝanĝo de argumentoj kaj de personaj ekzemploj, por ke ĉiuj havu pli multajn kaj bonajn diskutilojn ; krome, ke ja ankaŭ la konscio pri komunaj celoj kaj do la „interna ligo“ devas jen kaj jen esti plifortigita. Mi cedas, ke ankaŭ tio estas grava funkcio de interna komunikilo, sed tio tamen ne signifu, ke evidentaĵoj kiel „Ĉiuj religioj estas neraciaj !“ tiom ofte devas esti ripetataj.

Supozeble ni ĉiuj, ĉu ateistoj, ĉu agnostikuloj, estas konvinkitaj, ke principe religioj estas neraciaj. Sed kiel eblas do, ke ne nur „normale“ inteligentaj homoj, sed eĉ kelkaj sciencaj elstaruloj estas kredantoj ?

Kutime ja kredantoj neniam dirus, ke ilia propra religio estas tute racia, sed ili certas, ke racio „ne estas ĉio“ kaj ke religiaj „veroj“ ja iel ekzistas kaj validas, sed ne estas alireblaj per rezonado. Se iu diskuto estas atinginta tiun ĉi punkton, ni (kiel ateistoj) havas principe tri eblecojn : Aŭ ni povas tuj forlasi tiun ĉi temon kaj paroli ekzemple pri la vetero. Aŭ ni povas ekuzi nian provizon de argumentoj ofte elprovitaj kontraŭ religioj – sed supozeble nia „kontraŭulo“ ĉiujn jam konas kaj havas siajn rezistilojn... kaj la diskuto fariĝos preskaŭ senfina kaj certe senrezulta. La tria ebleco estas, ke la ateista diskutanto provas kompreni la motivojn de la kredanto kaj eble de religiemo ĝenerale. Evidentas ja, ke en multaj ŝtatoj de Eŭropo kaj de aliaj partoj de la mondo oni estas libera konfesi ateismon (kvankam nur surprize malmultaj ŝtatoj estas tiel „laikaj“ kiel ekzemple Francio). En aliaj ŝtatoj ne tiel toleremaj certe ekzistas ateistoj, kiuj pro leĝa aŭ socia premo ne konfesas sian (mal-)kredon (kaj tia „oportunismo“ certe ne estas mallaŭdinda) – sed tutcerte ekzistas multege da homoj, kiuj kaj konscias pri tio, ke la propra religio estas neracia, kaj sentas sin liberaj ekesti ateistoj, sed tamen restas kredantoj. Kial ? Kia estas la bezono, kiu igas homojn kredi je nepridisputeblaj „veroj“, pri ekzisto de „dia sfero“, eĉ pri iu personeca kreinto kaj reganto de la mondo ? Mi konjektas, ke subkonscie malplaĉas tiu „malvarma“ koncepto de la mondo. Laŭdire eĉ Einstein, prijuĝante la „hazardan principon“ establitan de Max Planck, kontraŭdiris dirante : „Dio ne ĵetas kubetojn !“ Eble multaj homoj ne eltenas la imagon, ke la monda tuto estas ĥaosa kaj sencela afero kaj ke la individua homa vivo en ĝi estas same sencela kaj sensignifa, krom se iu sukcesas doni al sia vivo iun „sencon“. Tiajn „vivosencojn“ ŝajne aprobitajn kaj akceptitajn de multegaj homoj ofertas religioj. Kelkaj sciencistoj (?) ja eĉ asertas, ke ia baza „religia“ bezono estas kaŭzita jam per la gena materialo de la homo. Oni ja ne devas kredi tion, sed certe utilas kompreni, de kie kaj pro kio ekestas religia kredemo. Iom pli da diskutado pri tiu ĉi „subtemo“ estus utila en ateisma interkomunikilo.

*Winfried Schumacher, Germanujo*

## Reago

Rilate la libreton por infanoj « *Kie ni povas trovi Dion ? demandis la eta porkido* » mi estis iom surprizita pri la polemiketo kiun ĝi vekis inter la esperantistoj. Fakte, mi tute ne sentis rasismon aŭ ion tian post mia unua legado antaŭ kelkaj monatoj.

Do, mi decidis relegi ĝin. La libreto plaĉas al mi ankoraŭ pli ol antaŭe, same pro la ilustrita vidpunkto kiel pro la enhavo. Humuro estas la bazo de la rakonto. Do kompreneble, religiuloj al kiuj tute mankas tiu sento, ne povas konsenti kun ĝi. Ili tuj parolas pri blasfemo, kaj ofendiĝas kiam temas nur pri eta mokemo, relative afabla kaj ĝentila, kompare kun la abomenaĵoj faritaj de la monoteismaj religioj tra la tempo. Konklude, mi aprobas la vidpunkton de Miren Elizagarai senretene, kaj gratulas ŝin pro sia kontribuo.

*Martine Rivière, Francujo*



## Ĉu saĝulo ?

En la lasta numero de ATEO (n°19), nia amiko Jean Marin finis sian artikolon pri la negativaj (laŭ mi prave) karakterizoj de la monoteismaj religioj, per speco de komparo kun la teokrato Dalai Lamao (Tenzin Gyatso), kiun li prezentas kiel saĝulon (ne unuafoje, jam en la 7a paĝo de la n°13 "... mi havas la plej grandan respekton por homoj tiaj kiaj la Dalai Lamao ... kiuj kuraĝe defendis la plej malriĉajn kontraŭ la diktatoroj de Sud-Ameriko !").

Pluraj biografioj, kaj jam unu filmo, estis publikigitaj pri lia vivo, kiuj montras tute alian vizaĝon de la "saĝulo" al kiu oni aŭdacis atribui la Nobelpremion pri Paco. Faktoj restas faktoj (nekontesteblaj kaj cetere nekontestitaj de li), de lia infanaĝo sub edukado (pri kio li ne kulpas) de la nazio Heinrich Harrer (foto ĉi-kuna), kiun li poste ordenis (la 15an de oktobro 2002). Interesa estas la listo de liaj amikoj : ekzemple la SS-uloj Ernst Schäfer kaj Bruno Beger, la konataj saĝuloj Miguel Serrano kaj Augusto Pinochet el Ĉilio, ĝis Shoku Asahara kiu responsis du atencojn per gaso i.a. en la metroo de Tokio. Nu nur amikoj, ĉu ne ? kaj eble iom da monaj interesoj.

Pri lia inklino al "demokrata" sinteno, vere tro abundas la konataj faktoj kaj akuzoj. Ili estas malfacile kontesteblaj, des pli ke sufiĉas raporti liaj propraj paroloj : *« La superregado fare de la monaĥoj en Tibeto estas absoluta. Ĝi estas tipa ekzemplo de klerika diktatoreco ».*

*Christian Rivière, Francujo*

## ATEO ankoraŭ serĉas sian simbolon

En la pasintaj numeroj de ATEO aperis kelkaj proponoj pri nova simbolo por nia asocio. Estis du proponoj de Fabiano Corsetti.

La unua estis modifo de la simbolo "Feliĉa homo" uzata de British Humanist Association, kiu rajtigas al aliaj humanismaj (kaj supozeble ankaŭ ateismaj !) asocioj uzi kaj laŭnecese adapti ĝin por sia propra bezono.

La alia baziĝas sur la matematika koncepto "malplena aro", kiun oni foje uzas kiel simbolon por ateismo. En la aro-teorio, malplena aro enhavas neniun elementon.

En la numero 19 de ATEO aperis letero de Nikolao Gudskov el Moskvo, kiu argumentis, ke tute ne necesas ŝanĝi nian jaman simbolon, ĉar kvankam ĝi estas sub kopirajto de la organizaĵo Amerikaj Ateistoj, tiu asocio tamen ne malhelpas ĝian uzon ĉe aliaj ateismaj asocioj. Intertempe mi kontrolis ĉe ĝia retejo, kaj efektive trovis jenajn informojn :

*Ni ĉi tie donas permeson al ĉiuj, kiuj deziras uzi la simbolon por iu ajn kialo krom por misfamigi. Ekzemple: estas akcepteble kaj aprobinde uzi ĝin en tatuoj, tomboŝtonoj kaj afiŝoj, sed oni ne rajtas distordi aŭ modifi la simbolon tiamaniere, ke ĝi fariĝus negativa aŭ provoka.*

*http://atheists.org/about-us/logo.*

Do, efektive ni rajtus, se ni dezirus, pluuzi la saman simbolon, kvankam ni forigu la A, kiu ne signifas “Ateismo” kiel ni supozis, sed “Ameriko”. La prezidanto de ATEO, Roland Schnell, certe estas inter tiuj, kiuj preferus trovi novan simbolon. Foje li skribis al la aliaj estraranoj :

*Simbolo surbaze de atomoj ne plu estas moderna - eble estis en la 1960-aj jaroj antaŭ Ĉernobil, Fukuŝima......*

*La atomo tiam signifis "sciencon" aŭ "racion" - sed tiu simbola ligo ne plu funkcias. Tute male, oni spertas negativajn asociadojn.*

Unu el niaj membroj, Annarosa Andrei el Italujo, ne konsentas :

*La nuna simbolo estas bela kaj plensignifa, ĉefe la detalo pri la malfermita atomo.*

*Eble la alia Esperanto-simbolo (la E spegulita) estas pli nova kaj pli signifa ol la verda stelo, kaj povus anstataŭi la tradician stelon.*




Necesas klarigi, ke la simbolo reprezentas la orbitojn de elektronoj ĉirkaŭ nukleo. La suba parto de la centra orbito restas malfermita por signifi, ke restas multaj nerespondItaj demandoj, kiuj ankoraŭ postulas esploradon – alivorte por montri, ke necesas ĉiam plu scivoli kaj demandadi, ne supozante, ke oni jam havas pretan klarigon de ĉiuj fenomenoj. Tiu rompita centra orbito en si mem formas literon A = ateismo. Annarosa atentigas, ke la uzo de la simbolo anstataŭ la tradicia stelo pli videble evidentigas tiun literon A.

Do, kion ni faru ? Niaj membroj ne amase donis opiniojn, kvankam kelkaj, al kiuj mi rekte skribis, ja respondis. Annarosa ne nur faris sian propran proponon, sed skribis pri la du proponoj de Fabiano :

*Ĉiuokaze la simbolo de la “feliĉa homo” kun la verda steleto estas la plej eleganta ! Ĝi estas iom pli “angleca” ol la atoma simbolo, kiu estas pli internacia, sed laŭ mi la unua estas pli bela.*

*Tiu de la “malplena aro” estas interesa pro la signifo, sed ne tiel alloga, kaj ĝi bone reprezentas ateistojn sed ne agnostikistulojn. Ĉu ATEO reprezentas nur ateistojn ?*

Al Tahira Masako el Japanujo, aliflanke, plej plaĉas la simpla simbolo de la malplena aro.

*Al mi plej plaĉas la simpla simbolo farita de Fabiano Corsetti (tiu, kiu konsistas simple el la kvar literoj ATEO).*

Christian Rivière en Francujo komentis :

*Plej plaĉas al mi la nuna simbolo, kaj mi ne komprenis kial ni subite sentas la bezonon ŝanĝi. Tiu ŝildo estas eleganta, kaj ja elvokas modernecon, ĉefe en epoko kiam ekaperas la unuaj komputoroj funkciantaj surbaze de kvantikaj (PIV-e kvantumaj) principoj. Por mi, ĝi estas ankaŭ okulumo al iu monumento de nia literaturo, nome "Senĝenaj dialogoj" verkita de Alberto Fernández.*

*Mi tute ne ŝatas la hometan figuron, kies signifon mi cetere ne klare komprenas, sed ĉar mi estas pli matematikema ol sciencema, mi volonte akceptus la ŝildeton kun malplena aro. Ni notu ke varianto eblus se ni rimarkas ke simetria E surstrekita signifas, en matematiko : "Ne ekzistas ..." subdirite "... da Dio".*

Luís Ladeira en Portugalujo skribis :

*Ĉu ni ŝanĝu ATEO-simbolon ? Por mi tio ne gravas, sed mi bonorde akceptas la adaptitan homaranan simbolon, kontraŭ la tranĉita nulo, kiu estas iom dubsenca.*

Mi atentigu, tamen, ke la "feliĉa homo" ne estas simbolo de la zamenhofa Homaranismo, sed de Humanismo. Kvankam en la praktiko ne estas grandaj diferencoj inter ateismo kaj humanismo, ateismo estas pli "neŭtrala" koncepto ol humanismo. Ateismo tutsimple signifas, ke oni ne kredas je dio aŭ dioj, dum humanismo aldonas al tio socian kaj moralan filozofion bazitan sur la opinio, ke la homoj devas mem krei pli bonan mondon anstataŭ atendi, ke iu supernatura forto realigu tion por ili.

Bernard Behra en Francujo gratulis pro la jam faritaj laboroj kaj proponoj, kaj aldonis :

*Provoke aŭ humure (do tute ne serioze) mi dirus : ateismo ne bezonas simbolon, ĉar simbolo estas afero de religiemuloj !*

Nia kasisto, Dieter Rooke el Svislando, foje esprimis similan vidpunkton :

*La ateistoj rifuzas simbolon, ĉar ĝi nur povus unuigi dikredantojn.*

Kvankam li diras, ke ateismo ne bezonas simbolon, Bernard tamen faris sian propran proponon (verŝajne ne tro seriozan !). Ĝi konsistas el tri kribriloj, surbaze de rakonto pri Sokrato, laŭ kiu ĉiu rakonto devas pasi tra tri kribriloj : tiuj de la vero, la bono kaj la utilo. Bernard ne sendis bildon por akompani tiun proponon, do oni devas mem imagi, kiel tio aspektus kiel simbolo por ATEO. La rakonto pensigas min pri la usona kontraŭreligia grupo, la Pastafarantoj, kiuj ĉiam prezentas sin, eĉ en tute seriozaj okazoj kiel akcepto de politika ofico, portante kribrilon sur la kapo.

José Luis Scanferlato el Italujo skribis :

*Pri la simbolo, mi sendube preferas la Feliĉan Homon kun la verda stelo. Tia simbolo estas pli internacia ol tiu de American Atheists, kaj Esperanto estas certe internacia afero, ne nur usona afero. Krome, se ni elektus tian simbolon, ankaŭ nia organizo estus videbla en la vikipedia paĝo http://en.wikipedia.org/wiki/Happy_Human (Organizoj, kiuj uzas la Feliĉan Homon).*

Pri siaj propraj du proponoj, Fabiano mem skribis al mi private :

*Do, la homoj emas preferi la Feliĉan Esperantiston, ĉu ? Mi mem preferas la alian [la Malplenan Aron], sed oni povus trovi ĝin iom tro severa. Laŭ mia sento, la feliĉa esperantisto pli kongruas kun la hejmfarita impreso de la bulteno. Mi ŝatas la stelon pli ol la duoblan E, ĉar ĝi estas pli gaja (eble vi rimarkas, ke mi eĉ faris ĝin iom pufa).*

Winfried Schumacher komentis la diversajn proponojn inkluzive la nunan ŝildon :

*Pri la tradicia simbolo de ATEO mi ne estas kontenta. Unue malplaĉas al mi la simetria stelo kun sia nesimetria (kursiva) majusklo "A" – la aspekto estas iom "antaŭmoderna". Sed pli grava estas la simbola enhavo : la atoma modelo klare reprezentas la natursciencojn – kvazaŭ la solaj aŭ almenaŭ la ĉefaj argumentoj por ateismo baziĝus sur natursciencaj konoj kaj atingaĵoj. Sed fakte estas tiel, ke tre diversaj bazaj ekkonoj povas esti instigo al ateismo aŭ agnostikismo : motivoj povas veni interalie el filozofio, historio, psikologio kaj eĉ filologio. Mi, ekzemple, ne fariĝis ateisto pro iuj natursciencaj studoj ! – Do, mi forte pledas por nova simbolo !*

*La unua propono de Fabiano Corsetti ŝajnas implice enteni promeson de feliĉigo, kiun oni ne necese ligu kun ateisma sinteno. Ateistoj povas esti ĝisoste pesimismaj, ili eĉ ne necese estas "humanismaj".*

*La dua propono ŝajnas al mi kaj laŭ aspekto kaj laŭ enhavo tre taŭga. La grafikaĵo estas moderna, kaj la simbolo de "malplena aro" aludas al vere komuna konvinko de ateistoj kaj agnostikuloj : La "kampo", pri kies enhavoj religioj kaj revelacioj tiom parolas, fakte estas malplena (aŭ principe ne alirebla).*

Jen la respondoj, kiujn mi ricevis ĝis nun; mi pardonpetas, se mi iun forgesis aŭ preteratentis. La ĝisnunaj komentoj esperebele instigos al pluaj pensado kaj diskutado.

*kompilis kaj komentis Anna Löwenstein*

## Feliĉa sen dio kaj religio

### Prezento fare de la eldonisto

Laŭ maniero ege dokumentita, Michel Piquemal alportas refutajn argumentojn kontraŭ kredoj kaj klarigas kial tiom multaj homoj tamen ne povas reteni sin kredi. Li ankaŭ plifortigas la soklon de humanismaj valoroj sur kiu ateismo sin apogas. Tiu tre pozitiva parto okupas la duonon de la verko ; kaj oni rimarkas en ĝi kiom la religioj daŭre estas obstaklo al la emancipiĝo, feliĉo kaj frateco de la homaro. La aŭtoro aliras la temon kun tono kaj sindevontigo samtempe tre persona kaj pasie travivata, kio pliigas la plezuron de legado. Pli proksime al Comte-Sponville ol al la ardo de Michel Onfray, li alvenas al la kredantoj kadre de ne sekta laikeco. Do la leganto sentas veran ĝojon vidante la logikon de lia argumentado kaj la forton de lia neniam pedanta erudicio. En nuna tempo kiam fundamentistoj de la tri monoteismoj hodiaŭ kunkonsentas en detruo de la remparo laikeco, tiu libro aperas kiel vera bezono.

### Biografio de la aŭtoro

Michel Piquemal dediĉas sin al la transdono de humanismaj valoroj (kiujn li taksas minacataj de la liberalismo kaj konsumismo) publikigante ĉe la eldonisto Albin Michel multnombrajn verkojn pri filozofio por la

junularo (La Philo-fables / *La filozofaj fabloj*, *la filozofo rakontisto*, *Piccolo-philo* ...) kaj ankaŭ socie engaĝitajn albumojn por la plenkreska legantaro.

*Bernard Behra, Francujo*




*(Feliĉa sen Dio kaj religio)*

## La publika kunveno de ATEO en Lillo

La temo de la publika kunveno de ATEO dum la UK en Lillo ĉi-jare estos "Ateismo kaj la rajto je libera esprimiĝo". La temo estis inspirita de la tragedia okazaĵo en januaro, kiam pluraj ĵurnalistoj kaj aliaj laborantoj ĉe la franca satira revuo *Charlie Hebdo* estis mortpafitaj de fanatikaj islamaj ekstremistoj. Malpli da internacia atento ricevis la murdoj en tri apartaj okazoj ĉi-jare de tri kontribuantoj al sekulara blogo en Bangladeŝo.

La rajto je libera esprimiĝo ne estas atakata nur de islamanoj, sed ankaŭ de kristanaj fundamentistoj. En pluraj eŭropaj landoj kaj ankaŭ en kelkaj usonaj ŝtatoj, ateistoj konstatas ke eĉ se tio ne estas kontraŭleĝa, estas oportune ne esprimi siajn opiniojn tro laŭte.

Ni ateistoj postulas liberan parolrajton, sed ĉu ni pretas disponigi ĝin al aliaj ? Ĉu ni subtenas la rajton de aliaj homoj esprimi opiniojn, kiujn ni mem konsideras malĝustaj aŭ neakcepteblaj ? Ĉu la rajto je libera parolo ampleksas ankaŭ la rajton vesti sin laŭ siaj propraj deziro kaj elekto ?

Foje satirado kaj kritikado kontraŭ ies religio povas kaŝi instigon al fizika atako kontraŭ sendefenda malplimulto. Kiel distingi la limon inter pravigebla kritikado aŭ mokado kaj malakceptebla instigo al rasa malamo ?

Dum la publika kunveno ni diskutos tiujn temojn, kaj invitas membrojn de ATEO, kiuj deziras kontribui per mallonga prezento (ne pli ol dek-minuta), al kontakto de la sekretario ĉe sekretario@ateisto.org. Jen kelkaj demandoj por konsideri :

Ĉu en via lando ateistoj ne rajtas libere esprimi siajn opiniojn ?

Ĉu en via lando okazas diskriminacio kontraŭ ateistoj, eĉ se ateismo ne estas kontraŭleĝa ?

Ĉu en via lando religio ĝuas apartan juran protekton, laŭ kiu oni ne rajtas kritiki aŭ moki ĝin ?

Kiel distingi inter pravigebla kritikado aŭ mokado de iu religio, kaj instigo al malamo kontraŭ la koncerna popolgrupo ?

Ĝis kiu grado ateistoj donu liberan parolrajton al opinioj, kiujn ili mem konsideras malĝustaj aŭ danĝeraj ?

# Ateismo

organo de ATEO

Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo




Bonvolu sendi viajn artikolojn al la redaktoro : ateismo@orange.fr

Por informoj : **Anna Löwenstein**, anna.lowenstein@esperanto.org
117 Dukes Avenue, London N10 2QD, Britujo

*Prezidanto :* **Roland Schnell**, Germanujo
*Vicprezidanto :* **Dominique Simeone**, Francujo
*Sekretario :* **Anna Löwenstein**, Italujo
*Kasisto :* **Dieter Rooke**, Svislando
*Redaktoro :* **Christian Rivière**, Francujo

*Jarkotizo : 10 € por A-landoj*
*8 € por B-landoj*

*Konto* ***ateo-y*** *ĉe UEA*